# Ateismo

Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo

http://www.gazetoteko.com/ateo/




Nº 13 Oktobron de 2011

## Vorto de la prezidanto

Ateisma agado plurokaze floris ĉi-somere. Mi unuarange citu :

. reprezento ĉe la fonda kongreso de la Internacio de Liberpenso (estas notinde ke membro de ĝia komitato oficiale reprezentas esperantujon) ;

. sukceso de la kunveno de ATEO kaj de la debato pri "Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?" okaze de la UK en Kopenhago ;

. anonco de ATEO en la retaj debatoj de Alianco por Sekulara Eŭropo.

Krom tiujn tri elstarajn, eblas aldoni kelkajn sukcesojn, interalie :

. Anna Löwenstein prezentis ATEOn kaj vekis intereson dum la itala Esperanto-kongreso en Torino ;

. Esperanto estas menciita en tri paĝoj de la lasta numero de la ĵurnalo La Raison (La Racio), organo de la franca federacio de la Liberpenso, kaj eĉ kelkaj vortoj en Esperanto aperis en la antaŭ-lasta numero.

Ĝuste, interalie ĉar mi mem bedaŭrinde ne ĉeestis tiujn agadojn, mi tuj lasu la parolon respektive al Anna Löwenstein kaj al Dominique Simeone por ke ili prezentu siajn somerajn spertojn. Bonan legadon !

Christian Rivière

## Varbu por ATEO !

ATEO estas malgranda asocio kun malmultaj membroj. Tio estas ĉefe pro manko de informado. Ni trovas niajn novajn membrojn plejparte dum nia publika kunveno ĉe Universalaj Kongresoj – tio montras, ke kiam la homoj ekscias pri nia revuo kaj nia agado, ili pretas membriĝi. Sed se ili ne vidas nin, ili kompreneble ne membriĝas.

Kiel informi pri ATEO ? Mi mem dum vizito al Londona Esperanto-Klubo dum kvin-minuta intervalo nur mallonge prezentis nian agadon kaj montris la revuon. Tri homoj tuj membriĝis.

Dum la itala Esperanto-kongreso en Torino en aŭgusto, mi organizis unu-horan kunvenon kun la titolo "Kio estas ateismo ?" Mi decidis prezenti la temojn, kiujn ni jam diskutis dum niaj publikaj kunvenoj dum la UK : Kion precize signifas la vorto ateismo ? Ĉu vivo sen dio estas sencela ? Ĉu vivo sen religia gvidado ne havas moralan bazon ? Mi mem nur mallonge enkondukis tiujn temojn, kaj poste invitis la ĉeestantojn partopreni la diskuton. En la fino de la kunveno mi prezentis nian agadon en ATEO, montris nian revuon (ankaŭ

la tri ateismajn librojn* nun haveblajn), kaj invitis la homojn membriĝi.

Kiel sekvo de tiu kunveno, kvar homoj membriĝis, kaj unu alia (jam membro) pagis sian kotizon por venonta jaro. Mi konstatas, ke la homoj pli volonte membriĝas, se ili povas facile pagi la kotizon surloke kaj samtempe ricevi la revuon.

Kiel vi povas informi pri ATEO kaj varbi pliajn membrojn ? Proponu ateismon kiel diskuttemon ĉe via loka grupo, aŭ organizu kunvenon ĉe via nacia aŭ regiona kongreso. Samtempe prezentu nian asocion kaj nian agadon, montru nian revuon, kaj invitu la homojn membriĝi. Se eble, bonvolu akcepti la kotizojn surloke kaj poste transdoni ilin al nia kasisto. Mi pretas sendi kelkajn ekzemplerojn de la revuo kun la necesaj informoj por varbado.

Anna Löwenstein

(*)

*"Traktaĵo pri ateologio" de Michel Onfray, trad. El la franca Paul Signoret, 2010.*

*"La dek du pruvoj pri neekzisto de Dio" de Sébastien Faure, trad. El la franca C. Rivière, 2008.*

*"Kie ni povas trovi Dion ? demandis la eta porkido" de Michael Schmidt-Salomon kaj Helge Nyncke, trad. El la germana Libera Pensantino, 2011.*

# Fondo-kongreso de la Internacio de Liberpenso

La Internacia Kongreso de la Liberpenso kaj de Ateistoj por la fondo de Internacio de Liberpenso okazis la 10[an] de aŭgusto 2011 en Oslo. Ĉeestis proksimume 150 partoprenantoj el dek ok landoj. Ĉe la tribuno, la parolantoj uzis la anglan, la hispanan kaj la francan. Iuj elmontris problemojn de kompreno, sed estis helpataj de tiuj regantaj unu el tiuj lingvoj. Dum la inaŭgura parolado, oni informis ke la 10[a] de aŭgusto iam estis grava dato por Esperanto, rilate al la unua Kongreso en Boulogne-Sur-Mer en 1905. Laŭlonge de la tago, diversaj temoj estis pritraktataj koncerne aktualajn problemojn pri laikeco (sekulareco) kaj pri disigo de la Eklezioj kaj de la Ŝtato (ankaŭ pri la publika financado de la vojaĝoj de la papo Joseph Ratzinger).

Rilate Esperanton, Neil Blonstein starigis tablon por informi pri la internacia lingvo. Cetere, kelkaj esperantistoj ĉeestis inter la liberpensuloj. Tiusence mi reprezentis ATEOn (subtenanta organizo) kaj Christian Rivière fariĝis reprezentanto de la Internacio de la Liberpenso por Esperanto.

La Internacia Asocio nun starigas siajn strukturon kaj retejon, kiuj ambaŭ uzas Esperanton. Notinde la kongreso de IHEU (International

Humanist and Ethical Union) okazis sinsekve kaj proksimiĝis al Esperanto por siaj agadoj.

Vespere, aparte de la kongreso, mi prezentis dum tri horoj, nian ateistan agadon antaŭ ok esperantistoj de Norvegio kaj Litovio, ĉe la sidejo de la Norvega Ligo de Esperanto.

ATEO ĉeestis do dum tiuj kongresaj tagoj en Oslo. Ni esperas bonajn rilatojn inter la movadoj humanista, liberpensa kaj esperantista.

Dominique Simeone
http://www.internationalfreethought.org/

## ATEO dum la UK

La publika kunveno de ATEO dum la Universala Kongreso estas grava momento por prezenti la agadon de ATEO : kaj fakte, ne nur ĝian agadon, sed ateismon mem.

En pasintaj jaroj, ni ofte uzis la kunvenon por prezenti la situacion de ateistoj en la kongreslando. Tamen ĉiam montriĝis, ke pluraj ĉeestantoj interesiĝas ne tiom pri la kongreslando, kiom pri la ĝeneralaj konceptoj de ateismo. Kiaj homoj estas ateistoj ? Kiel ili vidas la mondon ? Kiel ili povas vivi sen Dio ?

Tial, de kelkaj jaroj ni elektis temojn, kiuj celas prezenti ateismon al scivola publiko. Ĉi-jare la temo estis **“Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?”** La kunveno tamen estis iom tro hasta, ĉar necesis komenci per administraj informoj. La mendita horo daŭris nur 45 minutojn : apenaŭ sufiĉe da tempo por profundiĝi en serioza diskuto ! Venontan jaron ni aŭ dediĉu apartan kunsidon al administraj aferoj, aŭ mendu pli longan tempon por la publika kunveno.

Sekvas la raporto pri la kunveno, kiu aperis en la kongresa kuriero *Vikinga voĉo* (n-ro 6, sabaton la 30[an] de julio 2011).

### Ateistoj : nekontraŭo sed kun limoj

“Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?” Jen granda temo por trakti ene de 45 minutoj, precipe kiam la unuaj dek minutoj devis esti dediĉitaj al administraj informoj : apero de novaj libroj pri ateismo en Esperanto, kaj ĉeesto de reprezentanto de ATEO ĉe la fondkunveno de Internacia Asocio de la Libera Penso. Galopinte tra la administraj informoj, oni finfine atingis la ĉefan temon de la kunveno per mallongaj prezentaĵoj de 5-6 membroj de la asocio. Rilate al religio, ateistoj kompreneble povas havi malsamajn sintenojn : la koncepto “ateismo” en si mem ne kunportas difinitan aliron al la temo. Ĝenerale la pluraj parolantoj estis en konsento, ke ili mem ne kontraŭas la religiajn kredojn de aliaj, sed ne povas aprobi la trudon de religiaj postuloj al la ceteraj membroj de la publiko.

http://uea.org/pdf/vikinga_vocho_6_sab2.pdf

## Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?

La respondo estas facila kaj supozebla. Pli kaj pli ni trakuras kontraŭe la homan historion, videblas pli forta graveco de religio en la ĉiutaga vivo de homoj kaj socioj. Ju pli la homa kono de universo larĝiĝas, des malpli la homo bezonas apogon de religio. Batali kontraŭ religioj, naturaj signoj de nesciado kaj nematureco, estas vane kaj eĉ malefike. Oni devas atendi pacience la naturan evoluon de homoj kaj socioj, kiuj senaverte malpli kaj malpli turniĝos al religio por havi subtenon kaj helpon. Tamen, kiam la eklezia povo enradikiĝinta en la multoblaj sakristioj de Italujo aŭ de alia lando, volas trudi sian veron al la tuta socio, tiam estas pravigita kongrua reago fare de ateistoj kaj ne nur, ĉar neniu liberpensulo povas toleri ĉian subpremon fare de iu ajn kontraŭ la libera evoluo de sciencо, etiko, moroj, kiuj nature adaptiĝas al daŭraj eltrovoj de la homa esplorado. Ĝis unu sola pastro surpaŝos la teran grundon, la evoluo bezonos ankoraŭ tempon por plenumi sian taskon. Bonŝance la moderna tekniko disponigas tre validajn helpilojn, danke al kiuj ĉiu facile povas atingi la veron en ĉiuj kampoj de la scio kaj vivo.

Mi optimisme esperas.

Pino Lalli (Italujo)

## Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?

Iam mi hazarde menciis al amikino, ke mi aktivas en la esperantista ateisma asocio. Ŝi respondis kun miro : “Sed vi ne estas ateisto !”

Nun estis mi, kiu rigardis kun miro. “Sed vi ja scias, ke mi ne kredas je dio !”

“Jes, sed vi ne ŝajnas tiel agresema kaj militema !”

Evidente por mia amikino, la vorto *ateisto* pensigas pri homo, kiu laŭte proklamas siajn opiniojn kaj atakas religiojn.

*Ateisto* estas greka vorto, kiu signifas “homo, kiu ne kredas je Dio”. Tio estas simpla priskribo de fakto : ĝi ne kunportas kroman ideon pri militema agado. Efektive, la plejmulto da ateistoj verŝajne ne proklamas sian ateismon nek provas aktive disvastigi siajn opiniojn ; ili ne interesiĝas pri religiaj (aŭ kontraŭreligiaj) aferoj, kaj preferas dediĉi sian tempon al aliaj aspektoj de la vivo.

Iuj ateistoj kompreneble estas pli agemaj, militemaj, eĉ agresaj. Sed tio estas afero de personeco. Ĝi ne estas sinteno aŭtomate entenata en la koncepto “ateismo”.

Kompreneble, por iuj religiuloj la nura fakto, ke oni anoncas sin ateisto, estas vidata kiel atako. Kaj ĝenerale, iu ajn kritiko kontraŭ religio estas

konsiderata neakceptebla. Douglas Adams, la verkinto de *La petveturista gvidlibro al la galaksio*, iam demandis, kial religiaj kredoj estas netuŝeblaj. Li atentigis, ke oni rajtas diskuti politikajn opiniojn kaj eventuale nekonsenti pri ili, sed ke ekzistas speco de barilo ĉirkaŭ religiaj kredoj. Eĉ se ili estas tute neraciaj, oni kutimas trakti ilin kun respekto kaj evitas starigi embarasajn demandojn. Kritiko estas vidata kiel ofendo.

Adams pravas kompreneble – kaj tamen, la afero ne estas tiel simpla. Li preteratentas la fakton, ke religio foje estas ne nur kredaro, sed ankaŭ etikedo de aparteno al iu popolo. Kiam oni kritikas religion, estas grave preni en konsideron, ĉu la anoj de tiu religio estas potencaj membroj de la reganta instanco aŭ izolita malplimulto. Tial mi, loĝante en Italujo, tute ne havas problemojn kritiki la katolikan eklezion, dum mi multe pli hezitus kritiki islamon, ĉar tio povus esti komprenata kiel atako kontraŭ homoj. Se mi loĝus en Egiptujo, aliflanke, kie islamo estas la reganta religio, mi sentus neniun embarason esprimi kritikon kontraŭ ĝi.

Krome, estas pli akcepteble kritiki de interne ol de ekstere. Mi mem, estante judo (nereligia, evidente !), bone scias, ke multaj el la kutimoj precipe de ortodoksaj judoj estas neraciaj : ekzemple, ili ne rajtas funkciigi motoron sabate, kaj do tute nenecese devigas sin marŝi anstataŭ uzi aŭtobuson aŭ aŭtomobilon. Mi ne estus ĝenata se alia judo esprimus kritikon pri tio, male mi entuziasme konsentus. Sed se nejudo esprimus la saman kritikon, mi estus tre malkomforta, kaj sentus solidarecon kun la neracia konduto de mia propra popolo. Ne malofte okazis en la pasinteco (kaj foje ankoraŭ nuntempe), ke tiaj pravaj kritikoj entenis ekstreme minacan subtekston. Sendube islamanoj en Eŭropo sentas saman malkomforton, pro la samaj kialoj, kiam oni kritikas islamon.

En Eŭropo la reganta religio estas kristanismo (inkluzive de ĉiuj variaĵoj, ekzemple ortodoksismo, katolikismo ktp.) Loĝantoj de Eŭropo nature fariĝas parto de tiu religia tradicio, eĉ se ili ne mem estas kristanoj. Tial, eĉ nekristanoj loĝantaj en Eŭropo povas permesi al si kritiki kristanismon, dum necesas paŝi pli atente, se oni volas kritiki malpli fortan religian grupon, ekzemple hinduojn, budhanojn, siĥojn, islamanojn, bahaanojn ktp. Aliflanke, en Egiptujo, kie kristanoj estas atakebla kaj efektive atakata malplimulto, diskutoj kontraŭ kristanismo, kiuj estus tute akcepteblaj en Eŭropo, povus esti tre danĝeraj kaj timigaj por la koncernatoj.

Ĉi tiuj konsideroj portis min iom for de la komenca demando “Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?” Mi esperas, ke

tamen mi diris sufiĉe por montri, ke la vorto *ateismo* en si mem ne subkomprenigas atakon kontraŭ religio. Argumentoj kaj kritikoj kontraŭ religio estas permeseblaj, kvankam samtempe oni devas atenti, ke tio ne fariĝu preteksto por ataki nesekuran malplimulton.

Anna Löwenstein




## Ĉu la ateistoj estas kontraŭ la religio ?

Fakte la respondo dependas, ne de la ateistoj, sed de la religio.

Se temas pri religio kiu respektas la liberecon de penso kaj esprimo, tute ne ĝenas ateistojn ke homoj kredu je tute sensencaj rakontoj ne pli realaj ol Julpatro. Persone, se tio alportas al ili konsolon kaj esperon, mi neniam provos tion detrui, ĉar neniam mi povos doni al ili la samajn konsolon kaj feliĉon.

Se mi havas la plej grandan malestimon por Torkemada kaj la inkvizicio, same por la nazia Hitler, por la tre katolika Pinochet kaj la ateista Stalin, mi havas la plej grandan respekton por homoj tiaj kiaj la Dalahi Lama, kaj la katolikaj episkopoj de Sud Ameriko kiuj, kuraĝe, defendis la plej malriĉajn kontraù la diktatoroj.

Jean Marin (Francujo)

## Tenu identecon

Kredo aperas al mi kiel bone enkomponita spirita ludo. Komence ĉiuj ludis por si mem aŭ en malgrandaj grupoj por pacigi la minaculojn de ekster la grupo : malamikoj, diaĵoj, dioj. Poste la solenaĵoj de ludo fariĝis ĉiam pli kaj pli riĉaj kaj pli solenaj kaj komencis havi alian funkcion. Tiu nova ludo estis okazanta kun ludestra bastoneto kaj venis superuloj kiuj havis nur unu celon : superrigardo de la komunumo. Tiu ludo estas disvastigita en ĉiujn

partojn de la mondo. Partoprenas en ĝi ankaŭ multe da naivaj ludantoj. Nun la ekleziaj reguloj etendiĝadis trans ĉiujn mondopartojn jam milojn da jaroj. En monaĥe severa etoso, senpersona, tute transformita homo akceptas perdi sian personecon, kaj agi laŭ tio kion aliaj diktas.

Mi demandas min kien tio iras, ĉu en abismon ? Nur malmultaj homoj estis tiel kuraĝaj kontraŭstari la regulojn. Tiuj homoj ofte estas rigardataj fiaj. Tamen ĝuste la kontraŭstarantoj ĝenerale sciis resti serene bonhumoraj, kaj kun bonaj pensoj. Mi ne sentas bezonon kunigi la manojn al Dio, al ĉielo kaj peti por ke Dio pardonu min pro miaj pekoj. Ofte junaj homoj diras : "Mi ne volas vivi kun fremda opinio. Mi volas pensi kaj mem konkludi", ĉar ĉiam propraj penso kaj konkludo, eĉ se eraroj, valoras pli ol esti viktimo pro altruditaj fremdaj opinioj. En tio kuŝas la potenco kaj evoluo de homo : nur sen aŭtoritato, distingi inter bono kaj malbono.

Svetlana Milanovic (Nederlando)
[milanovic.svetlana@gmail.com

## 10 mitoj kaj 10 veroj pri ateismo

Pluraj enketoj montras ke la termino "ateismo" atingis tiom eksterordinaran malaprobecon en Usono, ke nun deklari sin ateisto estas perfekta malhelpo al politika kariero (dum esti nigrulo, samseksemulo aŭ islamano ne tiel malhelpas). Laŭ lastatempa enketo de Newsweek, nur 37% da usonanoj elektus ateiston kiel prezidanton (se elekti inter du alividpunkte bonaj kandidatoj).

Ofte ateiston oni imagas netolera, senmorala, deprimiĝinta, blinda al la beleco de naturo kaj dogme fermita al pruvo de supernatureco.

Eĉ John Locke, unu el la eminentuloj de klerismo, kredis ke ateismo estas "tute netolerenda", ĉar, li diris, "promesoj, ĵuroj kaj paktoj, kiuj estas la ligoj de homaj socioj, ne povas teni ateistojn".

Tio estis antaŭ pli ol 300 jaroj. Sed hodiaŭ, en Usono, malmulto ŝajnas esti ŝanĝiĝinta. Eĉ 87% da loĝantoj pretendas "neniam dubi" la ekziston de Dio ; malpli ol 10% konsideras sin ateistoj - kaj ilia reputacio ŝajnas esti en ruiniĝo.

Ĉar ni scias, ke ateistoj estas ofte inter la plej inteligentaj kaj kleraj

homoj en iu ajn socio, ŝajnas ende malŝveligi la mitojn kiuj malhelpas ilian kapablon havi pli grandan rolon en nia nacia interŝanĝo.

1) Ateistoj kredas ke la vivo estas sensignifa.

Male, religiuloj ofte timas ke la vivo estas sensignifa kaj imagas ke ĝi povas akiri signifon nur per promeso de eterna feliĉo post la morto. Ateistoj emas certi ke la vivo estas tre valora. La vivo tutpleniĝas je signifo per plena kaj reala vivado mem. Niaj rilatoj al tiuj, kiujn ni amas, estas signifaj nun ; ne necesas ke ili ĉiam daŭru, por tio. Ateistoj emas trovi tian timon de sensignifo... nu... sensignifa.

2) Ateismo respondecas je la plej grandaj krimoj en la homa historio.

Fiduloj ofte pretendas ke la krimoj de Hitler, Stalin, Mao kaj Pol Pot estis neevitebla rezulto de malkredo. La problemo de faŝismo kaj komunismo, tamen, ne estas tiu, ke ili tro kritikemas religion ; la problemo estas ke ili estas tro multe tiaj kiaj religioj. Tiaj reĝimoj estas ĝisfunde dogmecaj kaj ĝenerale starigas tian kulton de personeco, kia ne facile distingeblas de religiaj adorkultoj de herooj. Aŭŝvico, la gulagoj, kaj la mortig-kampoj ne estis ekzemplo de tio, kio okazas, kiam homoj rifuzas religiajn dogmojn ; ili estas ekzemplo de politikaj, raciaj, kaj naciaj dogmoj neregataj. Neniam ekzistis socio en la homa historio, kiu suferis pro tio, ke ĝia popolo fariĝis tro racia.

3) Ateismo estas dogmoplena.

Judoj, kristanoj kaj islamanoj pretendas ke iliaj sanktaj verkaĵoj estas tiom komprenaj pri homara bezono, ke oni ilin povis verki nur laŭ direkto de ĉionscia diaĵo. Ateisto estas nur persono kiu konsideris ĉi tiun pretendon, legis la librojn kaj trovis, ke la pretendo estas ridiga. Ne necesas ion ajn akcepti pro fido, aŭ esti dogma, por rifuzi senbazajn religiajn kredojn. Kiel la programisto Stephen F. Roberts iam diris, "Mi asertas ke ni ambaŭ estas ateistoj. Mi nur kredas je unu malplia dio, ol vi. Kiam vi komprenos, kial vi malakceptas ĉiujn aliajn eblajn diojn, vi komprenos ankaŭ kial mi malakceptas la vian."

4) Ateistoj opinias ke ĉio en la universo okazis pro ŝanco.

Neniu scias kial la universo komencis ekzisti. Fakte, eĉ ne tute klaras ĉu ni povas kohere paroli pri 'komenco' aŭ 'kreado' de la universo, ĉar tiuj ideoj implicas la koncepton de tempo, kaj nun ni parolas pri la komenciĝo de

spaco-tempo mem.

La nocio, ke ateistoj kredas, ke ĉio kreiĝis pro ŝanco, estas ankaŭ kutime prezentata kiel kritiko de Darwina evoluado. Kiel Richard Dawkins klarigas en sia mirinda libro *The God Delusion*, ĉi tio estas kompleta miskompreno de evoluteorio. Kvankam ni ne precize scias kiel la Tera prakemiaĵo generis biologion, ni scias ke la diverseco kaj komplekseco kiujn ni vidas en la mondo de vivantaĵoj ne estas produkto de simpla ŝanco. Evoluado estas kombino de ŝanca mutacio kaj natura selektado. Darwin elektis frazon 'natura selektado' kiel analogion de la 'artefarita selektado' kiun uzas bredistoj de brutaroj. En ambaŭ kazoj, selektado ludas grandan ne-ŝancan efikon en la evoluo de ajna specio.

5) Ateismo neniel ligiĝas al scienco.

Kvankam eblas esti sciencisto kaj kredi je Dio - kelkaj sciencistoj ŝajnas kapablaj je tio - ne estas dubo ke envolviĝo al scienca pensomaniero pli emas forkonsumi, ol subteni, religian fidon. Uzante kiel ekzemplon la usonan popolon, ni povas vidi ke plejmulto da enketoj montras, ke 90% de la ĝenerala popolo kredas je persona dio, sed 93% de la anoj de la Nacia Akademio de Sciencoj ne kredas. Tio sugestas, ke tre malmultaj pensmanieroj estas malpli kongruaj al religia fido ol la scienca.

6) Ateistoj estas arogantuloj.

Kiam sciencistoj ne scias ion - kiel ekzemple, kial la universo ekekzistis aŭ kiel kreiĝis la unuaj mem-kopipovaj molekuloj - ili tion konfesas. Ŝajnigi konon de tio kion oni ne konas, estas tre granda danĝero en scienco. Kaj samtempe, tio estas kerna principo de fid-rilataj religioj. Unu el la plej grandaj ironiaĵoj de religia disvolviĝo estas tio, ke tiom ofte fiduloj sin admiras je propra humileco, dum samtempe ili pretendas scii faktojn pri kosmologio, kemio kaj biologio, kiujn neniu sciencisto scias. Konsiderante demandojn pri la naturo de la kosmo kaj pri nia loko en ĝi, ateistoj emas ĉerpi el scienco. Ĉi tio ne estas aroganteco, sed intelekta honesteco.

7) Ateistoj fermiĝas je spirita sperto.

Nenio malhelpas al ateisto sperti amon, ekstazon, raviĝon kaj miron ; ateistoj kapablas respekti ĉi tiujn spertojn kaj eĉ postsekvi ilin. Tio, kion ateistoj ne emas fari,

estas pretendi nepravigeble pri la naturo de realeco surbaze de tiaj spertoj. Ne estas dubo ke kelkaj kristanoj sukcesis multege plibonigi sian vivon per legado de la Biblio kaj preĝado al Jesuo. Kion tio pruvas ? Tio pruvas ke kelkaj disciplinoj de atento, kaj kondut-kodoj, povas profunde efiki al homa menso. Ĉu la pozitivaj spertoj de kristanoj sugestas, ke Jesuo estas la nura savanto de homaro ? Tute ne - ĉar hinduoj, budhistoj, islamanoj, kaj eĉ ateistoj, regule havas similajn spertojn.

Fakte, eĉ ne estas unu kristano sur ĉi tiu Tero kiu povas certi ke Jesuo eĉ havis barbon, por ne paroli pri virgulina naskiĝo, aŭ reviviĝo postmorta. Ĉi tiajn pretendojn spirita sperto ne povas pravigi.

8) Ateistoj kredas ke nenio ekzistas preter homa vivo kaj homa kompreno.

Ateistoj libere agnoskas la limojn de homa kompreno en maniero tia, kian religiuloj ne kapablas. Estas evidente ke ni ne plenkomprenas la universon ; sed estas eĉ pli evidente kaj nek la Biblio, nek la Korano reflektas nian plej bonan komprenon de ĝi. Ni ne scias ĉu estas kompleksa vivo aliloke en la kosmo, sed ĝi povas ekzisti. Kaj se ĝi ekzistas, tiaj estuloj eble konceptis komprenon de la naturaj leĝoj kiu draste pli bonas ol la nia. Ateistoj libere prianalizas ĉi tiujn eblojn. Ili ankaŭ supozas, ke se ekzistas tiaj brilaj eksterteranoj, al ili la enhavo de la Biblio kaj de la Korano ŝajnos eĉ malpli impona, ol ĝi ŝajnas al homaj ateistoj.

Laŭ vidpunkto de ateistoj, la mondaj religioj tute malvalorigas la veran belon kaj senlimecon de la universo. Oni ne devas akcepti ion ajn surbaze de nesufiĉa pruvo, por tion rimarki.

9) Ateistoj ignoras la fakton ke religio estas utilega al socio.

Tiuj kiuj emfazas la bonan efikon de religio, neniam ŝajnas kompreni ke tia efiko ne pruvas la veron de iu ajn religia doktrino. Estas tre granda distingo inter konsoliga iluzio kaj vero.

Ĉiukaze, la bona efiko de religio povas certe esti disputata. Plej ofte, ŝajnas ke religio donas al homoj malbonan kialon por konduti bone, kiam bona kialo jam ekzistas. Demandu al vi mem, kio estas pli morala : ĉu helpi la malriĉulon pro zorgo pri ilia sufero, aŭ ĉu ĉar vi kredas ke la kreanto de la universo volas ke vi faru tion, rekompencos vin se vi faros tion, aŭ punos vin, se vi ne faros tion ?

10) Ateismo ne donas bazon por

moraleco.

Homo kiu ankoraŭ ne komprenas ke krueleco estas malĝusta, tiu ne malkovros tion per legado de la Biblio aŭ de la Korano, ĉar tiuj libroj plenas je celebro de krueleco, ĉu homa aŭ dia. Ni ne ĉerpas nian moralecon el religio. Ni decidas kio bonas en niaj libroj pro ĉerpado el niaj moralaj intuicioj kiuj estas (iugrade) jam ekzistantaj en ni kaj kiuj evoluis dum jarmiloj da pensado pri la kaŭzo kaj ebloj de homa feliĉo.

Ni multege progresis dum la jaroj, kaj ni ne ŝuldas ĉi tiun progreson al pli atenta legado de la Biblio aŭ de la Korano. Ambaŭ libroj permesas sklavecon, kaj samtempe ĉiu civilizita homo nun agnoskas, ke sklaveco estas abomena. Ĉio, kio bonas en la sanktaj verkaĵoj - kiel la "ora regulo" - povas esti akceptita pro ĝia etika saĝeco, sen kredi ke ĝi doniĝis al ni de la kreinto de la universo.

de Sam Harris (Usono)
elangligis Manuel Giorgini

## Ateismo, budhismo kaj religio

Dum la ATEO-kunveno okaze de la kopenhaga UK en 2011 oni diskutis la temon "Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?"

La temo sonas simpla, sed ĝi memorigas min pri la lerneja instruisto kiu diris al siaj disĉiploj : "Vi kredas ke ĉi tiu estas facila afero, ĉu ne ? Nu, nur atendu ĝis mi klarigos ..." Nome, la tuta respondo dependas de du difinoj : Ekzakte kion signifas "ateisto", kaj ekzakte kion signifas "religio" ?

Pri la difino de "ateisto", Anna Löwenstein dum la kunveno prezentis la plej simplan alternativon : ateisto estas ĉiu kiu ne kredas je Dio.

Bone, sed tio signifas ke :

1. "ateisto" ne estas sinonimo de "materiisto"; estas tute eble havi ideisman sintenon, aŭ sintenon nek materiisman nek ideisman, sen kredi je Dio ;
2. "ateisto" ne estas sinonimo de "sekularisto" ; estas tute eble kredi je transa(j) mondo(j) sen kredi ĝuste je Dio ;
3. "ateisto" ne estas sinomimo de "liberpensulo" ; estas tute eble pensi libere kaj tamen kredi je Dio (tiel faris ekzemple L.L.Zamenhof), kaj aliflanke -honeste dirite - ne ĉiuj ateistoj pensas vere libere ;

4. "ateisto" ne estas sinonimo de "sciencemulo" ; estas tute eble esti superstiĉa sen kredi ĝuste je Dio.

Se temas pri la signifo de "religio", multaj religikritikantoj - almenaŭ en la okcidenta kulturo - pensas ĉefe pri kristanismo kaj, nuntempe, pri islamo. Tiuj du viv- kaj pensmanieroj estas klare difineblaj kiel religioj.

Kaj eble nur tiuj. Jam la judismo estas alia afero. Mi havas kelkajn Facebook-amikojn kiuj estas fervoraj ateistoj, sed tamen rigardas sin judoj, ĉar ili apartenas al judaj familioj. Nuntempe eĉ ekzistas malkaŝe ateismaj rabenoj.

Kiel esperantistoj ni havas evidentan ekzemplon de ateisma judo : Markus Zamenhof, la patro de L.L. Zamenhof. Li rigardis sin judo, sed li ne kredis je la judaj doktrinoj, kaj li ne praktikis la judan ritaron.

Kaj fakto estas : dum etnaj religioj, kiel judismo kaj hinduismo, povas esti kritikataj pro sia etna ekskluziveco (kaj pro ritaj leĝoj morale fiaj), estas malfacile kritiki ilin pro iliaj teologiaj dogmoj, ĉar tiajn ili apenaŭ havas.

Kio, en kaj juda kaj hindua filozofioj, ebligis la ekziston de amaso da inter si tre malsamaj skoloj, kies anoj tamen ĝenerale ne interbuĉadas.

(Mi havas personan teorion ke tiu samsameco eble estas unu el la kialoj ke Esperanto sukcesis multe pli ol Volapük ; ne nur la kvalitoj de la lingvoj mem, sed ankaŭ la fakto ke Zamenhof venis el juda medio, dum Schleyer estis katoliko - en tempo kiam la katolika eklezio sekvis la unuan vatikanan koncilion, ne la duan, kaj cetere germana katoliko, do apartenanta al grupo kiun ekzemple italaj katolikoj foje mokas pro ilia ekstrema disciplinemo ; do Schleyer volis ĉion mem kontroli, dum Zamenhof - konservante la intelektan malfermitecon de la juda medio, sed malakceptante ĝian etnismon - rigardis sin iniciatinto, ne kreinto, kaj estis kontenta lasi la evoluon de la lingvo al ĝiaj uzantoj.)

Etnaj religioj ĝenerale ne estas fonditaj sur kredo, kiel kristanismo kaj islamo, sed sur ritoj. Tio veras ankaŭ pri la unua religio fakte nomata "religio" - la praromia ("religio" ja estas latina vorto).

(Kaj ĉi tie mi kaptas la okazon malkaŝi unu el la bazaj mitoj de la kristana propagando, nome la aserto ke la unuaj kristanoj estis persekutataj pro sia kredo. Tio ne estas vera. La romiaj sklavposedantoj fajfis pri la kredo de siaj sklavoj, kaj la romiaj imperiestroj fajfis pri la kredo de

siaj subuloj. Ili interesiĝis nur pri ilia konduto ; kaj la unuaj kristanoj kondutis malpli humile rilate al la imperiestro ol la plej multaj aliaj. Kaj se Nerono persekutis la kristanojn okaze de la granda fajro en Romo, ni ne rigardu la aferon anakronisme. La kristanoj tiam ne ankoraŭ estis granda aŭ grava movado. Ili estis unu el multegaj strangaj sektoj, ĝuste tiam tute nova, cetere sufiĉe malgranda kaj nekonata, do perfektaj pekokaproj. La kristanaj dogmoj ne ludis rolon - diskutindas ĉu ili eĉ estis jam formulitaj, des pli ĉu Nerono sciis ion pri ili. Fakte, la unuaj homoj kiuj persekutis kristanojn ĝuste pro ilia kredo estis aliaj kristanoj kun iomete alia dogmaro. La ideo ke oni estas savota pro sia kredo, kaj ne pro sia konduto, estas kristana inventaĵo.)

Do, la unua religio tiel nomata eble ne estis religio laŭ niaj nunaj normoj (same kiel la unua politika sistemo nomata "demokratio" - la atena - tute ne estis demokrata laŭ nunaj normoj).

Aparte komplika la afero aperas kiam oni metas la etikedon "religio" sur viv- kaj pensmanieroj, kies anoj almenaŭ komence ne kredis je Dio, kies fabeloj eble mencias iaspecajn diaĵojn, sed sen postuli ke oni bazu sian vivon sur ilia eventuala ekzisto.

Kiel ekzemplojn oni povas mencii la taoismon en Ĉinio, la ĝajnismon en Hindio kaj la budhismon, komence ankaŭ en Hindio sed dum multaj jarcentoj praktikata precipe en aliaj landoj ; foje oni metas la religi-etikedon ankaŭ al la konfuceismo, sed tio eble ne plu estas kutima.

Fakte, ĝuste la budhismo ŝajne estas unu el la ĉefaj problemoj por kritikantoj de religio ĝenerale, eble ĉar diskutindas ĉu ĝi entute estu nomata religio aŭ io alia. Ĝi originas en antikva medio, kiam oni entute ne distingis inter religioj, filozofioj kaj politikaj ideologioj - la sanskrita vorto "dharma" kovras ĉion.

Kaj mi notis ke multaj religikritikantoj mencias la budhismon tre malofte, eble nur por kompletigi la liston. Same kiel etnaj religioj, la budhismo ne estas bazita sur kredo. Male al ili tamen, ĝi - en sia baza formo laŭ la plej antikvaj budhismaj tekstoj - ankaŭ ne estas bazita sur ritoj, kaj cetere ne zorgas pri etnaj aferoj aŭ etna identeco, fakte tute ne pri identeco.

Tio estas, mi ripetas, laŭ la plej antikvaj tekstoj, la palilingva Tripitako. Jam kelkajn jarcentojn poste estis verkitaj kronikoj pri la historio de Cejlono / Srilanko, en la sama lingvo kiel la Tripitako - la

palia - sed kun tute alia sinteno al etnoj. Jam tiam temis pri konflikto inter sinhaloj kaj tamuloj, kaj ĉar la sinhaloj nomis sin budhanoj dum la tamuloj ne, la budhismo jam frue fariĝis ilo de unu etno por batali kontraŭ alia.

La samaj plej praaj budhismaj tekstoj atribuas al Budho kelkajn karakterizaĵojn, kiujn oni kutime ne trovas inter religifondintoj. Li estas priskribita kiel homo kiu fakte invitis kritikon al si mem kaj al sia doktrino, kaj kiu neniam lasis sin esti provokata, do kun karaktero pli simila al Sokrato ol al Jesuo.

(Parenteze, almenaŭ tial mi kredas ke li fakte ekzistis. Literaturo estas fondata sur konfliktoj, kaj estas malfacile por mi kredi ke iu verkisto inventis homon tiel dramaturge neuzeblan ...)

Do ekzistas bonaj kialoj ne meti la saman etikedon sur la budhismo kiel sur kristanismo kaj islamo. Problemo estas kiun alian etikedon elekti.

Filozofio ? Etime jes - "amo al saĝeco" ; sed en la nuna okcidento "filozofio" ofte estas io tute teoria, kultivata de profesoroj kiuj ne plu - kiel la antikvaj filozofoj grekaj aŭ hindaj - devas mem vivi laŭ sia propra instruo.

Psikologio ? Fakte, la bazo de la budhismo estas psikologia, kaj la lasta triono de la Tripitako konsistas en analizo de la homa psiko. Psikologio do estas afero nek pure okcidenta, nek tute nova, kiel multaj okcidentaj psikologoj eble kredas. Sed ankaŭ "psikologio" ne kovras ĉion. Gravas ankaŭ la budhisma etiko kiu, kvankam fakte ne unika al la budhismo, tamen estas la bazo de la budhisma psikologia ekzercado kaj memanalizo.

Eble oni povas priskribi la reale ekzistantan budhismon kiel filozofian bazon kun religia - aŭ religisimila – superstrukturo ; sed pri tiu superstrukturo ne ĉiuj budhanoj zorgas.

Kompreneble la budhisma(j) tradicio(j) travivis multajn ŝanĝojn dum la pasintaj jarmiloj, kaj kelkaj pli junaj skoloj fariĝis tiel fido-bazitaj ke eŭropa jezuito, kiu antaŭ kelkaj jarcentoj vizitis Japanion, skribis hejme ke li venis tro malfrue - la luterana herezo jam atingis la landon (li pensis pri la "purlanda" skolo).

Sed tiaj ŝanĝoj troveblas en ĉiuspecaj tradicioj, kaj religiaj kaj sekularaj. La komunismo de Lenin ne estis identa kun tiu de Marx, ekzemple. Ĉiukaze, se oni volas kritiki la budhismon, oni ne povas fari tion laŭ la sama maniero kiel oni kutime kritikas kristanismon kaj islamon, pro la simpla fakto ke la objekto de la kritiko estas profunde




malsimila.

Resume : laŭ mi, la demando "ĉu ateistoj estas kontraŭ religio ?" estas erare formulita, ĉar ĝi antaŭsupozigas ke "religio" estas koncepto. Laŭ mia opinio, ne estas tiel ; "religio" estas tutsimple etikedo kiu tradicie, kaj sen klara kialo, estas gluata al kelkaj pens- kaj vivmanieroj, sed ne al aliaj. Klare, ateisto estas kontraŭ pensado bazita sur ia di-koncepto, sed ne ĉiuj "religioj" estas tiaj.

Gunnar Gällmo (Svedujo)

# Pri religia situacio en Japanio, laŭ mia supozo, ne multon konas eŭropanoj

Ĉi tie mi ĝin skizos. Ekzistas miloj da religioj aŭ religiaj grupoj en nuntempa Japanio. Kiel vi eble scias, ekzistas du grandaj religioj : Budhismo kaj Ŝintoismo.

Ambaŭ religioj estas plue klasifikitaj en centojn aŭ milojn da skoloj (aŭ sektoj). Unue mi skizos Budhismon … Budhismo, kiel vi scias, originis en antikva Barato. Japanoj ĝin adoptis dum la 7ª jarcento tra Ĉinio kaj Koreio. Budhismo en Ĉinio, Japanio, Koreio kaj Vjetnamio estas nomata ‘mahajano’, kio signifas ‘granda veturilo’. Dume, Budhismo praktikata en Tajlando, Mjanmao, Kamboĝo, Laoso kaj Srilanko estis moknomata ‘hinajano’, kio signifas ‘malgranda veturilo’. Nun tiu termino estas substituata al ‘teravada’, kio signifas ‘supera seĝo’.

Dum postaj jarcentoj, precipe dum la 9ª kaj 14ª jarcentoj, en Japanio sinsekve aperis pluraj skoloj de mahajana Budhismo. Oni nombras dekkelkajn da tiuj skoloj de Budhismo, kiuj ankaŭ nun daŭre ekzistas. Dum Edo-epoko (1603-1868) tra la tuta Japanio konstruiĝis kelkdekmiloj da budhismaj temploj. Ili kvazaŭ funkciis kiel publikaj oficejoj, kie popolo devis registriĝi okaze de geedziĝo, naskiĝo, morto, transloĝiĝo ktp. Nun tutlande videblas ĉ. 80.000

budhismaj temploj kun tombejoj en siaj terenoj. Ili nun ĉesas funkcii kiel publikaj oficejoj, sed ili ankoraŭ nun administras tombojn de popolo. Budhismaj temploj videblaj tutlande apenaŭ faras religian agadon. Ili estas finance apogataj de familioj, kies tomboj ekzistas en iliaj tombejoj. Generacion post generacio ili estas heredataj de familioj de budhismaj pastroj aŭ bonzoj, kiuj povas geedziĝi kaj havi idojn, malsame kiel tiuj en Ĉinio kaj Koreio. Bonzoj ĉefe okupiĝas pri funebraj ceremonioj, kaj vivtenas siajn familiojn per kvestoj fare de homoj, kies tomboj ekzistas ene de iliaj temploterenoj.

Ŝintoismo estas japana propra religio. Ĝi estas animismo kun milionoj da animoj aŭ dioj. Oni eĉ diras ke ekzistas ok milionoj da dioj en Ŝintoismo. Japanoj intence fondis Ŝintoismon en formo de religio post enkonduko de Budhismo. Tutlande videblas ĉ. 80.000 ŝintoismaj temploj apogataj de templokomunumoj. Ankaŭ ili apenaŭ faras religian agadon, nur okazigas festojn de sezonoj. Ankaŭ ŝintoismaj pastroj estas heredaj.

Ambaŭ religioj tute pace kunekzistas. Neniam okazas batalo inter ambaŭ. Male, homoj efektive praktikas la du religiojn : ili preĝas en ŝintoismaj temploj okaze de naskiĝo de beboj, geedziĝo ... dum en tiuj budhismaj okaze de funebraj okazoj.

Antaŭ pli ol cent jaroj, sinsekve aperis novaj religioj, kiuj ĉefe baziĝas sur tradiciaj kredoj : Budhismo kaj Ŝintoismo. Oomoto, kies nomon vi konas, estas unu el tiuj novaj religioj bazitaj sur Ŝintoismo. Ekzistas, tamen, pluraj novaj religioj bazitaj sur Budhismo, kiuj sukcesis havi milionojn da adeptoj post la fino de la dua mondmilito. El tiuj sukcesaj novaj budhismaj religioj elstaras ‘Soka-Gakkai’, kiu laŭlitere signifas ‘Instituto krei valoron’. Ĝi fanfaronas havi ok milionojn da adeptoj, kaj ĝi havas propran politikan partion ‘Nova Komeito’ en Nacia Parlamento.

Iom pri Kristanismo en Japanio. Japanio estas nomata ‘tombejo de kristanaj misiistoj’. Kristanismo ĉiam malsukcesas konverti japanan popolon malgraŭ sia arda misia agado. Nombriĝas ĉ. 1 miliono da kristanoj inkluzive de Protestantismo kaj Katolikismo. Tiu nombro neniom multiĝis dum la lastaj 60 jaroj post la fino de dua mondmilito. Kristanoj en Japanio neniom superas 1% de la tuta loĝantaro. Tio kontrastas kun najbaraj aziaj landoj : Ĉinio, kie kristanoj konsistigas 10% de la loĝantaro, kaj Koreio, kun 30%. Plejparto de la japanoj ne praktikas Kristanismon. Ili prenas Kristanismon kvazaŭ ŝikan modon. Japanoj festas Kristnaskon kiel moron el Okcidento. Eksterlandanoj miras pri amaso da kristnaskaj ornamaĵoj, kiam ili vizitas Japanion en decembro. Plue nun

furoras kristnaska nupto, kiu substituiĝas al ŝintoisma nupto. Menciindas ke en Japanio Kristanismo ludas gravan rolon en kampo de edukado : ekzistas multaj prestiĝaj lernejoj misiaj. Kristanismo plu estas rigardata kiel religio de supera klaso de la socio.

Plejparto de la japanoj respondus ke ili ne havas religion, se vi ilin pridemandus. Japanoj, ĝenerale dirite, estas sen-religiaj kaj samtempe mult-religiaj iusence. Japanoj festas naskiĝon de idoj en ŝintoisma templo, nuptas en kristana preĝejo, funebras en budhisma templo...

Igaraŝi Takeo (Japanujo)

## Neado de scienco en usonaj lernejoj

Neniam okazis evoluado. Ne ŝanĝiĝas la klimato. Tiuj ŝajnas ridindaj asertoj, kaj tamen en Usono miloj da instruistoj de scienco troviĝas en situacio, en kiu ili ne rajtas instrui la malkovrojn de seriozaj sciencistoj. Multaj usonaj ŝtatoj aprobas leĝojn, kiuj devigas instrui “kreismon” kaj neadon de klimata ŝanĝiĝo en la publikaj lernejoj.

Sed en la ŝtato Luiziano, unu lernejano kontraŭbatalas. Zack Kopplin havas nur 17 jarojn, sed li gvidas kampanjon por forigi el sia ŝtato la leĝon, kiu devigas instruistojn de scienco nei evoluadon kaj plivarmiĝon de la Tero.

Zack skribis al sia ŝtata parlamento leteron subskribitan interalie de 42 Nobel-premiitoj. Li invitas ankaŭ la publikon subskribi petskribon ĉe :

http://www.change.org/petitions/tell-louisiana-to-teach-real-science-in-public-schools-not-creationism-and-climate-change-denial.

Mi mem provis subskribi ĝin, sed ĝi ne akceptas subskribojn de ne-usonanoj. (Tio tamen ŝajnas al mi ĝusta – finfine, usonanoj rajtas mem decidi pri siaj propraj leĝoj. Kaj eble amaso da subskriboj el ekster Usono povus eĉ malhelpi akcepton de la petskribo.) Kiam mi rigardis, la petskribo jam atingis 36 500 subskribojn.

La kampanjo komencas efiki. La 15$^{an}$ de aprilo, luiziana ŝtata senatano Karen Carter Peterson formale proponis al la parlamento forigi la leĝon.

Anna Löwenstein




## Referendumo pri eksgeedziĝo en Malto

Malto estas la ununura lando en Eŭropo kaj unu el la du landoj de la mondo kie eksgeedziĝo ne ankoraŭ estas laŭleĝe permesata. Tamen, tio verŝajne evoluos ĉar okaze de la referendumo organizita la lastan 28an de majo, majoritato de la voĉdonantoj decidis ke la Parlamento starigu leĝon por permesi la eksgeedziĝon. Sed problemoj plu restas. Laŭ la malta leĝo, referendumo havas nur konsultan valoron, do la leĝo plu estu debatita kaj akceptita de la deputitoj. Jam multaj konservativuloj anoncis sian intencon voĉdoni malfavore al tiu enkonduko de la eksgeedziĝo en la leĝaron. Unuavice la Ĉefministro de Malto, prezentis la sintenon de sia partio, la Kristan-Demokrata partio, kontraŭ ĉiu evoluo de la leĝaro kaj persone kampanjis por nea voĉdono.

Ankaŭ la rom-katolika eklezio de Malto akra-tone animis la kampanjon kontraŭ la eksgeedziĝo. Malto estas konsiderata kiel la plej katolika lando de Eŭropo, kaj okaze de sia vizito sur la insulo en 2010, la papo Benoît XVI instigis la Maltanojn defendi la ne-nuligeblon de la geedziĝo. La Eklezio tiucele uzis ĉiujn rimedojn. Ĝiaj episkopoj kaj ĝia klerikaro minacis la kredantojn dum la tuta kampanjo, argumentante pri neripareblaj konsekvencoj de ilia voĉdono kaj pri la stato de mortiga peko en kiu ili sin metus se ili favore voĉdonus, eĉ se ili sindetenus ĉe la referendumo. La rom-eklezio ankaŭ financis multekostan kampanjon inkluzive grandajn afiŝojn, televidajn trud-informojn kaj librojn kontraŭ la eksgeedziĝo senditajn al ĉiuj paroj de la lando. Spite al ĉio ĉi, du trionoj de la malta voĉdonantaro preferis ignori la instigojn de la Eklezio.

La rezulto de la referendumo estu analizita kiel esprimo de forta inklino de la Maltanoj por pli markita disigo de la Eklezio kaj de

la Ŝtato. Malto plu restas religia Ŝtato kaj la Konstitucio difinas la rom-katolikan religion kiel ŝtatan religion, kaj eĉ, en alia artikolo estigas deviga la edukadon pri la katolika fido en la publikaj lernejoj. Aliaj leĝoj estigas pli kompetentaj la ekleziajn tribunalojn specialigitajn pri eksgeedziĝo, ol civilajn tribunalojn, kaj la blasfemo kaj eĉ simplaj ŝercoj pri Eklezio estas puneblaj je malliberigo. Tamen humanistaj, laikaj kaj ateistaj movadoj komencas firmigi sian ĉeeston sur la insulo. La Maltanoj nun senpacience atendas la debaton pri la leĝo, kun firma espero ke iliaj deputitoj faros sian devon kaj enkalkulos la klare esprimitan volon de la voĉdonantoj.

La $2^{an}$ de junio 2011

Lastmonate :

Lundon la $25^{an}$ de julio la parlamento de Malto voĉdonis favore al la ebleco eksgeedziĝi.

# Pri la vizito de s-ro Ratzinger al Hispanujo

**La Internacia Asocio de Liberpenso, kunvenante okaze de sia fondo-kongreso, aprobis la jenan deklaracion :**

Antaŭ la baldaŭa vizito de s-ro Ratzinger, estro de la katolika eklezio, al Hispanujo de la $19^{a}$ ĝis la $21^{a}$ de aŭgusto, ni protestas al la hispana registaro pro tio, ke ĝi sin kompromitas pro homo, kiu estras aŭtoritateman, kontraŭvirinan kaj maldemokratan instancon. Krome, ni protestas pro tio, ke la hispana registaro devigas civitanojn financi lian vojaĝon, eĉ se ili ne kundividas liajn opiniojn, des pli kiam tiu lando spertas situacion de profunda ekonomia krizo.

Ni subtenas ĉiujn protest-agadojn okazantajn en multaj urboj, malgraŭ la kontraŭstaro de la ŝtataj instancoj, kiuj malatentas la religie neŭtralan karakteron de la ŝtato laŭ la Hispana Konstitucio.

Oslo, la $10^{an}$ de aŭgusto 2011

sendis Dominique Simeone
(Francujo)

# Kie ni povas trovi Dion ?

Simpla demando : “Kie ni povas trovi Dion ?” tamen ne estas kontentige respondebla. La eta porkido kaj la eta erinaco ĝuis la vivon, sidis komune en bankuvo kaj manĝis pomojn. Afiŝo, dumnokte pendigita maltrankviligas ilin. “Kiu Dion ne konas, al tiu io mankas !” estas skribite kaj ili serĉas dion : en sinagogo, en preĝejo, en moskeo. Sed la domoj de dio kaj la personalo (rabio, episkopo, muftio) estas timigaj. La porkido kaj la erinaco sukcesas eskapi kaj venas al la konkludo “Se vi ne konas dion, ho, lin vi ne bezonas”.

La mesaĝo estas kontraŭ religioj, kaj pro la fakto, ke la libro estas por “infanoj kaj plenkreskuloj”, kelkaj religiaj funkciuloj kontraŭagis. La germana ministerio pri familioj, maljunuloj, virinoj kaj junularo, intencis en 2008 akiri malpermeson pretekste ke la dokumento estas danĝera por la junularo.

La ministerio estas ne vere neŭtrala. La ministrino Ursula von der Leyen iniciatis “federacion por edukado” kiu deziras ligi ŝtatajn subvenciojn al “kristanaj valoroj” kaj s-ino von der Leyen estis alta protektanto de la kongreso ‘Christival 2008‘ en Bremen, kiu inter alie ofertis seminariojn kontraŭ la “malsano” de samseksemo.

Feliĉe la koncerna instanco rifuzis la malpermeson. Aliaj kritikis kontraŭjudan tendencon. La rabeno vere ne estas simpatia, sed eĉ Henryk M. Broder, fama ĵurnalisto kaj eksperto pri antisemitismo ne kapablis vidi tion kaj konstatis, kiel aliaj judoj, ke la reprezentantoj de la kristana kaj islama religio estas minimume egale malsimpatie prezentitaj kiel la rabeno.

En multaj germanaj ĵurnaloj oni povis legi, ke la libro estas “banala, stulta, unuflanka” kaj la aŭtoro Michale Schmidt-Salomon prave taksis tion kiel pruvon por la “sociekonomike kaŭzata potenco de la religiaj institucioj” kaj citas la psikologon Franz Buggl, kiu konstatis, ke multaj homoj havas barilon, kiu malebligas al ili racie argumenti, se temas pri religiaj aferoj. Schmidt-Salomon substrekas, ke ili ne povis rekoni la detalojn de la prezento. Ekzemple plejparte estas nur kritiko, kiu

estas konata en la akademia teologio de jarcentoj. Ekzemple la duboj de Zwingli rilate la signifon de la komunio ne estis konataj por la plej multaj kritikantoj de la libro.

En 2011 aperis kiel unua fremdlingva eldono, kiu povas uzi la originalajn desegnojn de Helge Nyncke, la versio en Esperanto. Tion realigis volontula grupo en Germanio, kiu tradukis la germanan tekston kaj disvastigis la malneton al internacia rondo de subtenantoj. La preteco por kunlaboro estis granda kaj per la helpo de multnaciaj spertuloj la teksto perfektiĝis. Ne ĉiuj, kiel la iniciatantino mem, aŭdacas aperi per sia nomo en la listo de kunlaborantoj. Multaj sentas sin devigataj resti anonimaj, ĉar ili timas la longan brakon de la religiemuloj.

Ĉiuj povas ĝui la belajn, buntajn desegnojn kaj la tekston, tradukitan je alta nivelo por modesta prezo. La libro estas mendebla de kelkaj libroservoj de la Movado kaj rekte de la eldonejo.




Helge Nyncke / Michael Schmidt-Salomon

**Kie ni povas trovi Dion ?**

Libro por ĉiuj, kiuj ne akceptas trompojn
36 paĝoj, kartona, multkolore ilustrita 12,00 €
ISBN 978-3-86569-141-5
por antaŭrigardi kaj pro aldona informo :
http://porkido.wordpress.com

# Kiel pagi la kotizon ?

Pluraj homoj plendis al ni pri la malfacilaĵo pagi la kotizon al ATEO. Sendube la problemo de internacia transpagado malhelpas homojn membriĝi. Kaj nun, kiam alproksimiĝas la momento por repagi vian kotizon al ATEO por 2012, tiu demando aparte aktualiĝas.

La kotizo mem estas nur 15 eŭroj por A-landoj kaj 10 eŭroj por B-landoj.* Sed kiel transdoni ĝin al ATEO ?

Se vi havas konton ĉe UEA, la afero estas facilega. Simple petu transpagon de la koncerna sumo al la konto ateo-y de ATEO. Indiku, ke temas pri kotizo. Prefere samtempe informu pri tio nian kasiston, Dieter Rooke (detaloj sube).

Se vi ne havas konton ĉe UEA, sed havas kreditkarton, la afero restas tre facila. Vi povas same peti transpagon al la konto ateo-y de ATEO, sed necesas aldoni 5% por la kostoj de la kreditkarto. Tio estas eta sumo: 0,75 por A-landoj, kaj 0,50 por B-landoj. Se vi havas aliron al Interreto, vi povas tre facile fari tion en la paĝaro de UEA ĉe : http://uea.org/alighoj/pag_manieroj.html

Se vi ne kutimas uzi Interreton, simple skribu al UEA, indikante la numeron de via karto (inkluzive de la tri ciferoj ĉe la dorsa flanko, se temas pri Visa aŭ Mastercard) kaj la daton ĝis kiu ĝi validas. Ne forgesu subskribi la peton !

Se vi disponas ĉekojn, eble vi povas pagi tiel al nia kasisto Dieter Rooke en Svislando. Cetere, li akceptas pagojn ankaŭ al sia bankokonto. Se vi deziras pagi tiel, bonvolu peti de li la necesajn kont-informojn.

Aŭ vi povus simple enkovertigi la koncernan sumon (15 eŭrojn aŭ 10 eŭrojn), kaj sendi ĝin al li poŝte. Ne forgesu indiki, ke temas pri kotizo por ATEO.

La retadreso de nia kasisto estas dieter.rooke@vtxmail.ch, kaj lia poŝta adreso estas :

Dieter Rooke
Äussere Klus, 14
CH- 4702 OENSINGEN,
Svislando.

* B-landoj estas la iamaj socialismaj landoj de Eŭropo, ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanujo kaj Korea Respubliko), Afriko kaj Latina Ameriko. Ĉiuj aliaj estas A-landoj.

# Ateismo

organo de ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo



***Kovrilo : Labor-plano de Dio !***

Bonvolu sendi viajn artikolojn al : christian.riviere@laposte.fr

Por informoj : **Anna Löwenstein**,
via del Castello, 00036 Palestrina, Italujo
anna.lowenstein@esperanto.org



*Jarkotizo :* *15 € por A-landoj*
*10 € por B-landoj*

*Konto **ateo-y** ĉe UEA*